II Jaro. XV Num. 1918 Marto.—Madrido




ILUSTRITA REVUO MONATA
OFICIALA ORGANO DE «ZAMENHOFA KAJ ANDALUZIA FEDERACIOJ»



S-RO. RAFAEL BENITEZ

**Komandanto el la Hispana militvagonara Korpuso, unu el la tri fondintoj de Zaragoza Grupo «Frateco»**

# Se mi scius skribi!.....

DE RAMON DE CAMPOAMOR (1)



I

—Al mi skribu leteron, sinjor' pastro.
—Mi ja scias: por li.
—Ĉu vi lin konas, ĉar en nokt' malluma
Nin kune vidis vi?
Pardonu, sed... —Afero komprenebla.
La nokto... ampropon'...
Donu plumon, paperon. Mi komencas:
*Mia kara Ramon:*
—Kara?... Sed vi jam estas ĝin skribinta?
—Ĉu vi ne volas?... —Jes.
—Sen vi mi sentas malgajecon... —Certe.
Malgajecon sen ĉes'!
*—kun korprem' mi komencas...* —kiel scii
Vi trafas pri dolor'?
—Por maljunul' kristalo ĉiam estas
La junulina kor'.
*kio sen vi mond' estas? Malĝojejo.*
*kaj kun vi? Nur eden'.*
—Tion legeble skribu, sinjor' pastro
Por plej bona kompren'.
*—kiam mi kisis vin kaj vi foriris...*
—Vi ankaŭ scias ĝin?...
—kiam oni tre amas kaj kunestas...
Ne hontu, ne knabin'.
*—kaj se pro am' ne penas vi reveni,*
*Tia granda sufer'...*
—Sufer? Nenio pli? Ne sinjor' pastro,
Mi mortos sen esper'.

(1) S-ro Inglada tradukis ĉi tiun poezion adaptante ĝin esperante same kiel ĝin verkis hispane la poeto.

—Morti? Ĝi estus ofendeg' al Dio...
Jes, jes, morti por li!
—Mi ja ne skribas *morti*. —Vir' senkora!
Se skribi scius mi!

II

Sinjoro pastr', sinjoro pastr'! Vi vane
Penas komplezi min,
Se ne skribas la esencon via mano
De mia am' sen fin'.
Ho skribu al li, per Di' ke l'anim' mia
El mi sin tiras for;
ke senĉese ĉagren' ne min sufokas,
Ĉar helpas min la plor';
ke miaj lipoj, roz' de lia spiro
Ne malfermiĝas plu,
Forgesante la movon de la rido
Pro dolora influ';
ke l'okuloj por li nur tiel belaj
kun dezirega prem'
Ĉar neniu en ili nun sin vidas,
Ĉiam sin fermas mem.
Ke por mi plej kruela turment' estas
Lia restado for;
Ke sonĝante mi aŭdas lian voĉon
kun rav' en ĉiu hor'...
ke pro li suferante mia koro
Ĝojas kun amebri'...
Al li kiom da aferoj mi ja dirus
Se skribi scius mi!...

EPILOGO

Mia Di'! Brava am'! Mi la letoron
Finas; *Al don Ramon'*...
Por tio scii grekan, nek latinan,
Ne montriĝas bezon'.

Tradukis V. *Inglada*

# PRUNARBETO

Antaŭ multaj jaroj, en bela arbaro de Japanujo, semo de sovaĝa prunarbo falis malsupren, kaj estis kaptita de ĝardenisto, kiu kulturis ĝin en terpoto, kun tero miksita kun haladza nutraĵo. Ankaŭ liveris al ĝi per verŝilo la necesan akvon. Ĝia ekvivado estis facila kaj agrabla, ĉar oni ŝirmis la terpoton per ombraĵoj kontraŭ la somera varmego, kiel ankaŭ per vitraĵoj kaj fajro kontraŭ la vintraj frostoj. En tiu varmejo la vento ne povis skui la foliojn, nek elŝiri la branĉetojn.

Tamen, kiam oni senkapigis la kreskaĵon, kvazaŭ ĝi estus grava kaj timinda krimulo, por la terura operacio de la greftado, la kompatinda arbeto pensis ke ĝi mortos. Feliĉe, la radikoj sukcesis sendi al la nova kapo la akvon kaj la sukojn de la tero; ekkreskis burĝonoj kaj folioj, kiuj pretigis la vegetan nutraĵon, kaj sendis ĝin al la radikoj, por ke ili povu disdividi sin, kaj ĉerpi pli da sukoj por la folioj.

Tamen, baldaŭ la radikoj ekfrapis kontraŭ la netraireblan barilon de la terpoto, kaj ili estis devigataj rondiri kunvolvaĵe, kio ja estis ĝenanta afero. De tiam, nur surverŝis super la terpoton, apenaŭ sufiĉan akvon kaj nutraĵon por ke la jam kripligita arbeto ne velku, celante ke tiu ĉi estu vera malgrandegulo.

Post kelka tempo, malgraŭ sia malalteco, ĝi ekfloris kaj produktis kelkajn belajn fruktojn. Tio, ĝojigis la arbeton, ĉar ĝi esperis, ke eble unu el ĝiaj semoj falu en liberan teron, kaj ne suferos samajn ĝenojn kiajn sia patro.

Unu vesperon, kiam ĝi plej trankvile dormis, sonĝante pri tio, ĝi estis ekvekita per malagrabla frosteto, okazinta de tio ke virino ellavis ĝiajn trunketon, branĉojn, foliojn kaj fruktojn, per akvumita spongo. Ankaŭ, oni vestis la terpoton per broditaj silkaĵoj, kaj estis kondukita... al la palaco de la imperiestro! Tie oni metis ĝin sur tablon, pretigita por oficiala festeno. La heleco blindigis, kaj la arbeto komencis spiri kiel se estus tagmezo.

Poste, kia granda surprizo kaj honorego! Kiam oni ekmanĝis la desertojn la sama imperiestro, la filo de la suno, de la luno kaj de la stelaro, etendis siajn moŝtajn brakojn, kaptis unu post la alia la bongustajn fruktojn, kaj per ili li regalis la imperiestredzinon kaj la geprincojn; kio ja kompensis al la prunarbeto la dolorojn kaŭzitajn pro la depreno kaj elŝiro. Tamen, la korteganoj envi is ĝin, ĉar ili plezure suferus la perdon de orelo, se imperiestro tion farus, kaj manĝus ĝin, kun la sama ridema vizaĵo kaj gajaj klinitaj okuloj, ol kiam li manĝis la frukton.

Poste la arbeto estis donacita al la ĉefa ministro, por rememoro, kaj forportita en la salonon de lia mandarena moŝto. Oni metis ĝin sur centran marmoran tablon, kies apogoj estis ornamitaj per mirindaj lakaĵoj. Tie pasigis kelkajn monatojn, preskaŭ adorita de la vizitantoj; sed la manko de nutraĵo, de akvo kaj ĉefe de suno, sufokis kaj velkigis ĝin. Fine, la terpoto estis forĵetita en sterkejon. Tiel malaperas la mondaj gloroj!

*R. Codorníu*

---

# ITALICA

Proksimume 6 kilometrojn al nordokcidento de Sevilla estas antikva romana areno Itálica, la lulilo de famaj romanoj inter kiuj estas notindaj romanaj imperiestroj, Traĥano, Adriano kaj Teodosio.

La monumentaj restaĵoj de la amfiteatro estas ravigaj. La trankvileco, kiu ĉirkaŭas nin en tiu ĉi cirko instigas la fantazion al pli aŭ malpli agrablaj imagoj pri la spektakloj, kiuj dum tempoj de romana gloro tie ĉi prezentiĝadis.

Ĉiam novaj malkovroj kaj elfosaĵoj atentigas nin, ke tie ĉi troviĝas ankoraŭ granda trezoro da antikvaĵoj ĝis nun kaŝitaj sub la tero, kiun tre verŝajne dum centoj da jaroj la akvo amasigis. Multaj statuoj kaj aliaj



SUBTERAJ GALERIOJ DE LA ROMANA CIRKO DE «ITÁLICA»

restaĵoj de romana kulturo estas konservataj en Arkeologia muzeo en Sevilla kaj en la muzeo apud «Itálica». Proksime de la areno, estas romanaj banejoj parte videblaj, parte ankoraŭ kaŝitaj sub tertavolo. Tiuj ĉi grandparte ankoraŭ bone konservitaj restaĵoj de romana kulturo, altiras la vojaĝantojn kaj meritas esti vizititaj, ĉar la impresema pilgrimanto kaj adoranto de antikva kulturo forportas kun si neforgeseblajn memoraĵojn.

*V. Cimr*

# LA GEAMANTOJ

Staras mia bela dometo,
apud riveret',
en ĝi: karega fraŭlineto,
ni faros nestet'.

Apud vi, mi vivos feliĉe,
en dolĉa ador',
ni rigardos neston, tre riĉe,
kovrita per flor'.

Tre ĉarma kaj blonda vi estas,
kun haroj el or',
atendante bonon mi restas,
el via mildkor'.

En ĉambreto kun belornamo,
per belaj diant',
ni ĝuos, pri nia dolĉamo,
meze je l'birdkant'.

En freŝa kaj belkreska branĉo
tre malkaŝitaj,
kantos de l'lundo ĝis dimanĉo,
birdoj amitaj.

Ni ambaŭ feliĉe promenos,
ĝis tre alta mont',
kaj trinkeblan akvon ni prenos,
el tre pura font'.

Loĝos paro de geamantoj,
en paradizet',
eble baldaŭ estos ĝojantoj,
kun belinfanet'.

Kia ĝojo en la ĉambreto,
ni apud lulil',
kie, en tre dolĉa dormeto,
kuŝos nia fil'.

Kiam ĝojeta li vekiĝos,
li vokos patrin',
en via brusto li nutriĝos,
karesante vin.

Bonvolu karulino mia,
mi petas je kor',
ke mia anim' estu via,
ĝis ĉiela glor'.

*Antonio Viñals*

# LA LEOPARDO

(RAKONTO)

Estis timinda leopardo, kiu rabemsatigita vivadis en plena arbarego, ĝuante je sia povo.

Estis la mastro. De limo al limo trairadis sian ombran loĝejon.

Li sciis pri ĉiu arbo, pri ĉiu kreskaĵaro, pri ĉiu brueta fonto.

Malgrandeta komencis siajn aventurojn. Kateca, ruzflatema, iom post iom, venkis siajn malamikojn pli per ruzeco ol per forto, kaj la plej bona manĝaĵo, la suka leporo, la diketa pavo eniris lian nesatigeblan stomakon.

La leopardsubmetitoj ne sentis por li grandan estimon, sed la timo ilin detenis kaj la malkuraĝo de la plej malfortaj estis tiel ke eĉ starigis altarojn al ilia mastro.

—Manĝu la kamaradon, se al vi plaĉas, dum respektu nin!

—Cia regado estas malsevera, bonanima.

—Ci nin permesas la ĝuon de la arbarego, ŝanĝe ke ni donu al ci nian plej bonĉasajon, kaj ci nin antaŭgardas per la forto de ciaj povaj ungegoj—ili diris humile.

Kia ĉarma vivado por la leopardo!

Malfeliĉe por li, aperis ribelema submetito; la aglo: —Mia la spaco, kial devas esti la arbarego mia karcero?

—Por kio donis al mi flugilojn la Kreinto?—ĝi diris.

La leopardo ridetis pro la ribelemo:

—Bah! Lasu ĝin flugi! Tagon laciĝos ĝiaj flugiloj kaj ĝi revenos al antikva hejmo sen plu da ambicioj.

—La suno fandigis la flugilojn de Ikaro (la leopardo estis sufiĉe kulturema) kial ĝi nun ne fandigos tiujn de la aglo?

Sin skuis la leopardo; oscedis, mordis maljunan dormantan lionon, kaj rekuŝiĝis senzorge, dum la simio, antikva amiko de la aglo, delikate skuadis la muŝojn al la arbarega cezaro.

Sed la aglo flugadis al aliaj arbaregoj, kaj atentis pri bonegaj manĝaĵoj, kaj ian bonan tagon rompis la sklavecon.

La leopardo kolere blekis... «kiel! Mizera aglo! Ĉi kuraĝas kontraŭ mia furiozeco?» kaj ekmilitadis kontraŭ la aglo. Incitis la urson, petis helpon al la koko, armigis la simion kaj organizis teruran persekutadon: —Ne estu paco en la arbarego por la aglo!

Sed ha! tiu ĉi, el la altaĵo elektis trankvile la kaptaĵon, kaj laŭvole sin ĵetis sur la urso, sur la leopardo, sur la koko kaj sur la simio, ilin bekbatante sen kompatemo. Tagoj kaj monatoj de lukto. La urso sangverŝanta restis venkita; la simio tremis; la koko sen plumoj dolore kokkriis kaj la vulpo malintence ridetis antaŭ la leoparda buŝego, kaj diris:

«Aŭskultu leopardo,
fliku viajn ungojn,
kiuj pro la tergratado
detruiĝis, kaj mi suspektas
estas por ĉiam.

El hispana lingvo tradukis

*Francisko Piñol*

(Delegito de U. E. A. kaj de Zamenhofa Federacio.—Barcelona)

---

# GREKA ANEKDOTO

Kuradis urbano tra la stratoj de la antikva Atenas, svingante hakilon kaj persekutante forkuranton. Hazarde ilin renkontis *Sócrates*, la fama filozofo.

La persekutanto alparolis al la filozofo: «Kaptu lin! kaptu lin!»—sed la sciulo ne atentis pri la ekkrio de la persekutanto, kiu denove ekkriis sin turnante al la filozofo:

«Helpu min! Tiu, kiu forkuradas estas mortiginto!»

*Sócrates* demandis: «Ĉu mortiginto? Kio estas mortiginto?»

—Ne ŝajnigu vin malsaĝa. Mortiginto estas viro kiu mortigas—diris tiu de la hakilo.

—Buĉisto, ĉu ne?—rediris la spertulo.

—Ne, ne! Mortiginto estas viro, kiu mortigis similulon—klarigis la persekutanto.

—Ha! Jes, militisto—diris *Sócrates*.

—Besto venena!—ekkriis la persekutanto, reklarigante tuj post la interjekcio. —Viro mortiginta similulon dum paco.

—Ha! Mi fine jam komprenis: la ekzekutisto—rediris la sciulo.

—Ho! Ĉu vi neniam komprenos min? Mi freneziĝas. Mortiginto estas viro, kiu mortigis alian similulon en lia propra hejmo —de nove klarigis la persekutanto.

—Tre bone! Mi jam scias: kuracisto, ĉu ne?—de nove parolis *Sócrates*.

La persekutanto, rigardante malestime kaj domaĝe la alparolanton kvazaŭ ĝi estu neresanigebla frenezulo, turniĝis kaj repersekutis la forkuranton.

El hispana lingvo tradukis

*Jose Roig Camps*

---

# La Grafoj de Palazuelos

(HISPANA LEGENDO)

**Originale verkita de *Julio Mangada Rosenörn*.**

*(Daŭrigo)*

III

La kavaliro vojaĝadis de kelkaj tagoj sen la plej malgranda malfacilaĵo, kiam vesperon, rapide galopante ĉar la nokto etendis sian nigran vualon sur la tersupraĵon, kaj la vojo estis danĝera, la ĉevalo haltis subite, tremegante, turnante kaj klinante la orelojn antaŭen, reblovante bruege, kiel se io terurigus ĝin, kaj malobeante la bridojn

kaj spronojn, kontraŭe, spite la spronfrapoj, ĝi malantaŭeniris. Ĉi tio mirigis la rajdanton, kiu inspektis atente la apudaĵojn kaj baldaŭ li trovis la kaŭzon: io, ŝajne virino, kuŝis sur la bordo de la vojo, en la kreskaĵaro kiu ĝin borderis. La rajdanto, trenata de sia kompato, desaltis de la ĉevalo, karesis ĝin kaj tenante la bridojn, alproksimiĝis al la malfeliĉulino kuŝanta; li palpis ŝian koron, kaj, sentante la korbatojn, rapide ligis la bridojn ĉe trunketo de apuda kverko, translokigis ŝin ekster la kreskaĵaro, ripozigis ŝian kapon sur ŝtonon, kaj demetante sian kaskon, kuris en apudan rivereton, kaj revenis al la vunditino portante la kaskon plena je freŝa kaj pura akvo per kiu li purigis vundon kiun ŝi havis en la maldekstra tempio, aspergis ŝian vizaĝon, kaj rekonsciigis ŝin. Pro la freŝa sentaĵo, ekkonsciiĝanta la malfeliĉulino ekbalbutis:

—Malfeliĉuloj!... Ne aŭskultis min!... Ili kuris en la morton!... Sed, kion mi diras? Kiu vi estas?...

—Trankviliĝu. Mi estas kristana kavaliro...

—Dankon, Dio mia! Almenaŭ mi savos vin, kaj tiel mi pagos al vi la bonon ricevitan pro via kompato—interrompis la malfeliĉulino.

—Klarigu tion! Kion vi deziras esprimi?—rediris la junkro.

—Atendu, kompatema kavaliro, permesu ke mi fortigu min, kaj tion dirante, la maljunulino elprenis boteleton plena je fluidaĵo el kiu ŝi iom trinkis, kaj daŭrigis—. Nun malligu vian ĉevalon kaj sekvu min en mian loĝejon, ĉar mi jam estas sufiĉe forta kaj la vundo estas negrava. La nokto estas tre malhela, malfacila kaj danĝera la vojo; Córdoba ankoraŭ estas malproksima, kaj la maŭroj apudestas. En mia hejmo vi ripozos, kaj nenion vi riskos.

—Sed...—la kavaliro ne povis diri plu, ĉar la malfeliĉulino aldonis:

—Ne, vi ne deiros! Venu kun mi kaj aŭskultu min; poste vi komprenos mian obstinecon.

La junkro obeis. Li malligis la ĉevalon, kiu dume paŝtis trankvile, kaj kiam li sin pretigis helpi la vunditinon, ŝi, per mirigaj energioj, stariĝis.

—Sekvu min. Baldaŭ ni alvenos—ŝi diris.

La junkro obeis sugestiata de tiu stranga virino, kiu daŭrigis:

—La maŭroj nomas min *Fatima* la sorĉistino; la kristanoj, nur la demonigitino. Tiuj amas kaj respektas min; ĉi tiuj ĝojas bastonfrapi min, kaj, tamen, mi estas kristanino. Mi estas malfeliĉa patrino: la maŭroj mortigis mian edzon kaj forrabis mian filon, kiun de antaŭlonge sensukcese mi serĉas; kaj por helpi mian entreprenon, mian celon, mi praktikas la alĥemion kaj sorĉarton, kiujn mi lernis kaj profitas por vivi inter la maŭroj kaj fari la bonon kiel eble plej ofte. Vi jam scias kiun mi estas; nun sciu kial vi trovis min ŝajne mortinta: De kiam la Sankta reĝo almilitis Córdoba'n, la araboj estas furiozaj kaj ili ĉieniras mortigante, bruligante kaj detruante senĉese. Ĉi tiu vespero venis ĉe mi, maŭro diranta, ke ili preparis embuskon kontraŭ malgranda kristana skadrono, kiun li spionis kaj kiu baldaŭ estos preterpaŝonta. Efektive, je malmulte da tempo poste, ni aŭdis klare la galopon de la korpuseto, kaj la maŭro ekkuris rapide sciigi al la embuskantoj la tujan alvenon de la kristanoj. Mi tuj, miavice, kuris freneze renkonti la kristanojn kaj sciigi al ili la embuskon; sed ili, ne aŭskultinte, atencis min, kaj ili estus mortigintaj min, se mi ne estus evitinta frapon kies vundon vi kuracis, kaj pro kiu mi falis senkonscia.

—Pro tio mia devo estas alkuri...

—Ho! Ne diru tion! Ne intencu tion! Tio estus neutila, kaj vi nur atingus morti, se vi tion farus. Jam estas tro malfrue; sed kvankam ne estus tro malfrue, kion vi atingus?

La junkro ĉagrene klinis sian kapon.

Baldaŭ ili alvenis al la preskaŭ ruboj de konstruaĵo, kiu estis iam observoturo. La maljunulino antaŭenpuŝis lignaĵon, kiu, kvazaŭ pordo, fermis la eniron, kaj sam-

tempe ŝi ekbruligis torĉon, kiu ellasis sufokan odoron sulfuran. Ŝi diris:

—Eniru. Ĉi tie vi kaj via ĉevalo riskos nenian danĝeron, ĉar neniu kuraĝos veni nokte en la malbenitan turon. Liberigu vian ĉevalon, demetu la selon kaj bridojn dum mi disponas iom da hordeo kaj pajlo por ĝi. Vi ripozos kaj la ĉevalo reakiros la perditajn fortojn. Frumatene mi gvidos vin sendanĝere en Córdoba'n.

La kavaliro elseligis kaj elbridigis la noblan bruton, dum la alĥemiistino preparis la nutrajon por ĝi, kaj farinte tion, ŝi fermis la pordaĉon kaj invitis la junkron sekvi ŝin.

Ambaŭ supreniris sur preskaŭ tute ruinigita ŝtonŝtuparo en ĉambron tra kies fendoj eniris la fajfanta vento kaj kie oni povis rimarki strangajn ilojn: sur difektita tablo, kranion, potojn, fajrujon kaj librojn; apud la tablo, du taburetojn, kaj en angulo de la planko, amason da pajlo, certe kuŝejo.

Subite la junkro elmontris rapidan tremeton de surprizo, kiun ne povis kaŝi kaj kiun rimarkis *Fatima*. Tio estis, ke li sentis apud sia vizaĝo la flugilbatadon de io, kio, kiel ombro, trairis la spacon. Ĝi estis strigo, kiu flugis en ŝultron de la sorĉistino kaj kiu kune kun korvo kaj kolombo, kies dormon maltrankviligis la bruo de la armiloj de la junkro, estis la kunloĝantoj de la ruinajo.

—Demetu vian armaĵon kaj sidiĝu apud mi— diris *Fatima*. Dum tion faris la juna kaj simpatia kavaliro, ŝi lin ekzamenis atente kaj rediris:

—Mi legas vian feliĉan estontecon sur viaj okuloj. Mi diros al vi vian horoskopon.

*(Daŭrigota)*

---

# KRONIKO

*Sevilla.*—Laŭ decido de la 27ª de Januaro de ĉi tiu jaro, la Andaluzia Federacio decidis okazigi sian II-an Kongreson en Sevilla, la Dimanĉo 21ª de la proksima Aprilo okaze de la grandaj festoj kaj foiro en tiu ĉi urbo. La difinita loko estas la granda festa salono de la Ekonomia Societo de Amikoj de la Lando, strato Rioja, 25 - La malfermo okazos je la deka horo matene.

La andaluzianoj fervore laboras. Ili eldonis grandan kaj gravan cirkuleron pri ĝia IIª kaj per ĝi ili sciigas progresadojn de Esperanto en Andaluzio, precipe en Jerez (Cadiz), en Rio-Tinto, Nerva kaj El Valle (Huelva), en Trigueros, Córdoba, Montoro, Bujalance, Pueblo Nuevo del Terrible. Kaj oni eklaboras en Granada, Málaga kaj Almería.

En venonta numero de ĉi tiu revuo ni aperigos paragrafojn de ĉi tiu interesa cirkulero.

Laŭdojn meritas niaj kamaradoj esperantistaj de la Andaluzia Federacio.

*Tarrasa.*—Ĉi tiea grupo «Lumon» nomis la jenan komitaton: S-rojn Jacinto Figueros, Prezidanto; Jacinto Barró, Sekretario; Vicente Bufi, Kasisto; Miguel Garriga, Bibliotekisto, kaj Sebastián Chaler, José Casanovas kaj Pedro Gobern, Voĉdonantoj.

*Zaragoza.*—La grupo «Frateco» elektis por la Komitato la jenajn personojn: S-ron. Vicente Loren, Prezidanto; S-ron Juan Gilart, Vicprezidanto; S-ron Emilio Pérez, Sekretario; S-ron Domingo Tirado, Vicsekretario; S-ron Manuel Benedicto, Kasisto; S-ron José Benedicto, Vickasisto; S-ron José Larruga, Bibliotekisto; kaj S-rojn Manuel Felipe kaj Jacinto Rivas, Voĉdonantoj.

*Baracaldo.*—Jen la komitato de la ĉi tiea grupo: S-ro Eugenio Lunáte, Prezidanto; S-ro Patricio Llano, Vicprezidanto; S-ro Paulino García, Kasisto; S-ro Faustino Pérez, Sekretario; F-ino Asunción Sánchez, S-ro J. Salazar kaj Luciano Martínez, Voĉdonantoj. Barakaldanoj entuziasme laboras por pli aktivi progreson de Esperanto en Vaskaj Provincoj.

*Madrido.*—La Komitato de Zamenhofa Federacio laboras energie por disvastigi Es-

peranton kaj intensigi propagandon. Ĝi sin turnas al ĉiuj kiuj helpis la laboron de la pasinta jaro por ke ili sendu kiel eble plej baldaŭ kotizaĵojn por ĉi tiu jaro kaj ni esperas ke ili tion faros kaj varbos novajn helpantojn por nia entrepreno.

Por pli efike propagandi nian karan lingvon, Zamenhofa Federacio eldonis du milojn da broŝuroj kiuj estas la plej bona propagandilo, la plej konvinkanta rimedo pri instruado de Esperanto en la lernejoj, tial ke ĉi tiu broŝuro «Las Modernas Humanidades» *(Ventajas de una enseñanza clásica dada a los alumnos de una escuela elemental)*, enhavas la raportojn pri la *Eksperimento de Eccles* de la direktoro de la lernejo, de unu el la profesoroj kaj de la fama verkisto, pedagogo kaj prezidanto de la tribunalo Grindle, J. P.; ankaŭ sciigojn, pri la dekreto de la portugala ministro de la Milito, pri malfermo de esperantaj kursoj en lernejoj de Anglujo, Usono, Francujo, Brazilo kaj Portugalujo pro tiu dirita *Eksperimento*. Ĉi tiu broŝuro estas tre grava por la propagando kiun la grupoj devas fari, ĝi estas deksespaĝa kaj ĉiu kiu sendu al ni 5 pesetojn por helpi nian propagandon ricevos cent specimenojn.

Oni repetegas ke ĉiuj sendu al «Hispana Esperantisto» sciigojn pri Esperanto ĉiu monate, por vidigi al fremduloj ke ni laboradas senĉese, ĉar kvankam por ni tiuj sciigoj estas superfluaj, ne por la eksterlandanoj, kaj esperantistoj izolitaj en iuj el niaj regionoj.

Ĉiuvendrede esperantistoj de Madrid kunvenas de la sepa ĝis la oka vespere en la kafejo «Lisboa» apud la *Puerta del Sol*, strato *Mayor*.



# PRUVO PRI IDEARO

## ANTAŬVERKO

*Vortaro* solvas problemon «serĉi ideon respondan je difinita vorto», sed ne la problemon kontraŭan «serĉi vorton por esprimi difinitan ideon. Tia estas la celo de la jena *Pruvo pri Idearo*.

En *vortaro*, sinonimaj vortoj estas disaj; en *idearo*, apudaj. La kontraŭo okazas kun similaj vortoj. Kaj vortoj je kelkaj signifoj estas ripetataj tiom da fojoj kiom da signifoj ili havas. Ekz: *plumo* estas du foje en la idearo, kiel *parto de birdo* kaj kiel *skribilo*.

Se oni komparus idearon de diversaj lingvoj oni rimarkus ke ia ideo ne havas respondan vorton, alia havas multajn samsignifajn. Per tiuj verkoj oni povas dedukti datojn por koni la karakteron kaj eĉ la historion de la popoloj..

Vortaro de asonantoj estas utila por eviti en poezio ripetadon de samaj asonantoj; idearo estas utila por eviti ripetadon de samaj vortoj.

Gramatiko estas scienco por lerni paroli, sed kiamaniere ni faros tion nesciante kian vorton ni devas uzi por esprimi difinitan ideon?

Oni difinas substantivon per alia substantivo kun unu aŭ kelkaj adverboj. Anstataŭ adjektivoj aŭ adverboj oni uzas foje frazojn. Tio estus nepra en idearo je nacia lingvo kiam ne ekzistas ĝustaj adjektivoj kaj adverboj.

Difininte la ideojn, mi lasis ilin libere kiel molekuloj de solvita substanco; ili grupiĝis iom post iom laŭ la leĝo de la grupiĝo de similaj ideoj; ili *kristaliĝis* laŭ geometriaj formoj, ne tre perfektaj pro malpacienco de la fizikisto kiu deziris tuje fini la verkon.

Ĉia ĉapitro estas kristalo; ĉia paragrafo, surfaco; ĉia alineo, linio apartenanta ofte al du surfacoj. Ĉia ideo estas punkto. La malperfektaĵoj estas kvazaŭ strangaj substancoj kiuj malpurigas la klaran kristalon, sed la afero estas perfektigebla, perfektigota eĉ perfektiginda.

Ĉiujn ideojn mi grupigis tiamaniere:

FAKOJ

| | | |
|---|---|---|
| Naturo. | Ĉapitroj | —I. Astronomio.—II. Geografio.—III. Meteorologio.—IV. Popoloj, Homrasoj.—V. Geologio, Mineralogio.—VI. Min'ekspluatado. |
| Vivo. Botaniko. | » | VII. Vivo.—VIII. Ĝeneralaĵoj pri kreskaĵoj.—IX. Vegetaĵoj sensemaj (kriptogamoj).—X. Vegetaĵoj kun semo (angiospermoj). Unu kotiledonaj.—XI. Angiospermoj. Dukotiledonaj. |
| Bestoj. | » | XII. Anatomio.—XIII. Ĝeneralaĵoj.—XIV. Tre elementaj bestoj.—XV. Insektoj kaj moluskoj.—XVI. Fiŝoj. Reptilioj. Batrakoj.—XVII. Birdoj.—XVIII. Mamuloj. |
| Homo. | » | XIX. Sentoj.—XX. Manĝo. Trinko. Dormo.—XXI. Kuracarto. Higieno.—XXII. Lavo. Vesto.—XXIII. Hejmo. Mebloj. Arĥitekturo.—XXIV. Resto. Movo. Komunikaĵoj.—XXV. Familio.—XXVI. Societo.—XXVII. Politiko. |
| Efiko de la volo. (Laboro) | » | XXVIII. Laboro. Metioj. Industrio.—XXIX. Best-plant-kulturo.—XXX. Maŝino.—XXXI. Monaj aferoj. Komerco. |
| Efiko de la penso. (Scienco) | » | XXXII. Instruo.—XXXIII. Gramatiko.—XXXIV. Simplaj vortoj, Ideoj, pri tempo, spaco, k. c.—XXXV. Matematikoj.—XXXVI. Mezuroj.—XXXVII. Fiziko.—XXXVIII. Ĥemio.—XXXIX. Filozofio.—XL. Religio, Superstiĉo. |
| Efiko de la bel' sento. (Arto) | » | XLI. Arto.—XLII. Parolarto.—XLIII. Skribarto.—XLIV. Kanto, Muziko, Danco.—XLV. Pentrarto, Fotografarto.—XLVI. Teatro, Ludo, Amuzoj.—XLVII. Kruelaj Sportoj. Milito. |

Mi ja scias ke tia klasifiko ne estas perfekta, nek duonperfekta. Tial mi nomas la jenan verkon *Pruvo* pri Idearo.

Oni trovos opiniarojn kiuj estas veraj *rondoj*, ĉar ĉia ideo estas esprimata de vortoj signifantaj aliajn ideojn. Sed tio ne malhelpas la komprenadon ĉar ĉiu leganto konos ian punkton de la rondo kiu estos por li la *komenca* punkto. Kiam oni ne konas signifon de ia vorto, oni povas ĝin trovi per la nomaro de vortoj publikigotaj laste, kie oni vidos la paĝon sur kiu estas la difino de ĉiu vorto. Tiamaniere la jena verko estos samtempe idearo kaj vortaro.

Ankaŭ per la vortaro oni povas trovi la paĝon sur kiu estas la difino de vorto, simila aŭ rilatanta ia ideo kies respondan vorton oni serĉas.

Kaj nun, kara leganto, ke la ge'dioj konservu vian sanon sufiĉe longe almenaŭ por vidi la finon de la verko... kaj trovi ĝin utila.

*F. R.*

NOTO Multaj el la difinoj de tiu libro estas ĉerpitaj el vortaroj de Kabe kaj Verax.



Tip. Pasaje del Comercio, 8.—Madrid